# tempo

Gazeto de Kroatia Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

majo 1996



# Printempa saluto el Kroatio!

En ĉi- numero vi legu

# LA PRINTEMPAJ VIGLOJ

Kio okazis ĉe ni lastatempe vi vidos foliumante la printempan numeron per kiu ni salutas vin.

Pluraj gastoj vizitis Zagrebon kaj ni aparte ĝojis renkonti Senad Čolić el Sarajevo, survoje al Katalunio, fine de januaro, kiam li prelegis al ni pri Sarajevo post la packontraktoj de Dayton. Por li tio estis la unua forlaso de Sarajevo post la milita sieĝo, por ni la okazo aŭdi per rekta informo pri la novaĵoj el la suferanta urbo.

Nia lastatempa gasto D-ro Ulrich Lins ne malpli ĝojigis nin per sia vizito komence de majo.

## KIO OKAZAS EN KROATIO PRI ESPERANTO?

Post la milito diversmaniere ni partoprenas en la hejma kaj internacia Esperanta komunumo. Studenta Esperanto-Klubo en Zagreb survojas al sia kvardekjara jubileo, kio estas per si mem rara evento en studentaj rondoj.

Pri aktivecoj en SEK skribas Martina Prelogar. Kroatia Esperanto-Junulara Asocio ( KEJA) organizis por okdeko da siaj gastoj el 14 landoj la 3-an Mediteranean Internacian Renkontiĝon -MIRO sur la insulo Lošinj. La organizo de MIRO kun la ĉeftemo "Fabeloj" mobilizis ĉiujn organizajn kaj fantaziajn fortojn de KEJA kaj vivigis la vilaon "Amfora" en Rijeka per densa Esperanta etoso. Pri la aranĝo raportas Mila Bečka kaj Faruk Islamović.

Olda generacio de la kroataj esperantistoj kreis tradukteamon por prepari "Antologion de kroataj unuakatajoj" laŭ la elekto de D-ro Branko Hećimović. La libron pretigas Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Zlata Flego, Mirko Mamužić kaj Zlatko Tišljar. Klaus Dahmann partoprenas en la projekto kiel tradukanto teknika redaktoro kaj lingva kontrolanto. Plia lingva kontrolanto estas s-ro Fenyvesi Ervin el Budapeŝto.

Per tiu ĉi libro ni omaĝas al kvin jardekoj de la ekzisto de Kroatia Esperanto-Ligo.

Al Lucija Borčić ni ŝuldas la tradukon de la Prospekto de Zagreb en Esperanto, kiun presis por ni la Turisma Asocio de la urbo Zagreb. La prospekto jam vigle cirkulas tra la mondo disportante la informojn pri Zagreb post la milito. Lucija Borčić en tiu numero samkiel en la pasinta zorgas pri la lingva angulo.

En Petrinja ni klopodas restarigi la milite damaĝita domon de nia membro sed ankaŭ alporti diverskulturajn aranĝojn por helpi en vivigo de la urbo post detruiĝo. Helpis al ni ĉina ambasadoro en Kroatio, kiu post Petrinja gastas per Esperantlibra ekspozicio de KEL ankaŭ en la urbo Sisak.

Esperanto-Societo "Bude Borjan" realigis plurajn aranĝojn kadre de la UNESCO-jaro de la permanenta edukado kaj rikoltis aron da artikoloj kaj TV-elsendoj.

Nia prezidanto Dalibor Brozović renkontis la kulturministron Božo Biškupić fine de aprilo por trakti pri nia plua ekzisto: Esperanto en Kroatio estas ja esence kultura fenomeno.

La libroj el Kroatio iras renkonten al siaj legantoj: La tria volumo de "Asteriks" veturas ĉirkaŭ la mondo. Ankaŭ la beletra verko pri la familia kroniko en Mezeropo "Tena" de Spomenka Štimec renkontas sukceson: estis petitaj permesoj por la japana kaj la angla tradukoj.

KROATIA ESPERANTO-LIGO
Hrvatski savez za esperanto

**MEMBROKARTO**
**Članska iskaznica**

☐☐☐ ☐☐☐☐
numero/broj

Persono kaj familia nomoj / ime i prezime

Membro de la Esperanto-societo / Član esperantskog društva

Membriĝjaro/God. učl: ____ Naskiĝjaro/God.rođ: ____

Niaj membroj, kiuj ne forgesis subteni nin per siaj kotizoj, loĝas en diversaj anguloj de Kroatio. Ni klopodas rompi ilian izolitecon per laŭeble oftaj skribaj kontaktoj. La kluba vivo ekster Zagreb regulas nur en la urbo Rijeka. Al la aktivecoj de niaj membroj ni dediĉis serion da informoj.

Jen la membro-karto de KEL por 1996. (La kotizo al KEL estas 50 kunaoj, por studentoj kaj pensiuloj 25 kunaoj.)

Ĉu vi jam ricevis ĝin?

*Spomenka Štimec*



Redakcia kunsido de "Tempo": Spomenka, Rick, Ivica, Slavica, fotis Klaus

## NOTO DE LA REDAKCIO

Jen la tria numero de »Tempo« en la nova vesto, kian lanĉis en 1995 Dalibor Šeatović. Ni sukcesis en la jaro 1995 realigi nur unu numeron de »Tempo«. En 1996 ni eldonis la vintran numeron kaj ekspedis ĝin al tricent adresoj de la mondo por doni signon kaj la pruvon, ke Kroatia Esperanto-Ligo reaktiviĝis post la milito. Ni dankas al la Ministerio pri Eksteraj Aferoj de Respubliko Kroatio, kiu subtenis nian peton kaj kovris la ekspedkostojn al multaj el vi. Pluraj el vi kuraĝigis nin per siaj leteroj. Specialan dankon al la unua abonanto el Svedio, Inga Johannson. Ni ripetas nian konton ĉe UEA, por tiuj, kiuj emus estonte subteni nin: Konto krel-z. Ne forgesu sendi al nia adreso la informon pri la abono.

Pri la vintra numero de 1996 la ĉefan ŝarĝon portis Ivica Ivaci, la printempan kunordigis Spomenka Štimec.

Ni ne povus presi nian revuon se ne ekzistus subteno de Mirjana Željež, kies ideoj spronis »Tempon« al la nova fluo en ties dekkvinjara eldonjaro.

Specialajn dankojn por tiu numero ni adresas al la entreprenoj, kiuj ebligis ĝian eldonon: ZAVOD ZA PLATNI PROMET - SREDIŠNJI URED ZAGREB, HPT -ZAGREB kaj al nia prezidanto Dalibor Brozović kiu helpis al ni pri la subvencioj.


Jaro XV, Numero 2 / 1996
GAZETO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO
Aperas laŭeble kvar foje jare
Eldonas Kroatia Esperanto-Ligo
ISSN 0352-1583

Redakcio:
Amruševa 5
HR 10000 Zagreb
Tel. 385 (1) 481 01 52
E-poŝto Ivica.Ivaci@public.srce.

*Tempo*

Kontribuis: Mila Bečka, Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Klaus Dahmann, Nevenka Imbert, Faruk Islamović, Richard Newsum, Martina Prelogar, Vanja Radovanović, Vera Repac, Judita Rey-Hudeček, Spomenka Štimec

Lingve korektas: Lucija Borčić
Redaktis: Spomenka Štimec

Presas:
Anonctarifo 1/1 paĝo 800 kn
1/2 paĝo 400 kn, 1/3 paĝo 200 kn
1/8 paĝo 100 kn
eta anonco: 50 kn (kovrilpaĝo duoble)

Abono: 4 numeroj 35 kn (10 DEM)
Unuopa numero 10 kn ( 3 DEM)
Bv. aldoni ekspedkostojn

La redakcio ne respondecas pri la opinioj de la publikigitaj tekstoj.
Redakcija ne odgovara za mišljenja u potpisanim člancima.

# LA FABELLANDA MIRO

*Mediteranea Internacia Renkontiĝo - MIRO allogis al la ripozejo "Zlatokrila" en Veli Lošinj en Kroatio 74 gastojn el 14 landoj inter la 29a de marto kaj la 2a de aprilo 1996. Evidentiĝis, ke MIRO fariĝas unu el la plej grandaj junularaj Esperanto-Renkontiĝoj en Eŭropo. Kvankam relative lastatempa - ĝi okazis nur la trian sinsekvan jaro - kaj okazanta en la postmilitaj cirkonstancoj - ĝi por multaj junaj partoprenantoj montriĝis tre alloga. Estis aparte agrable povi inter gejunuloj saluti junan esperantiston el Sarajevo - Samir Ribić.*

Multaj el la partoprenintoj povis ekkoni la ĝentilecon de la dommastrinoj de Lošinj, solvante la lastan taskon: "Kunportu la boligitan Paskan ovon".

La ĉeftemo de la 3a MIRO estis la fabeloj, mitoj kaj legendoj. Diversaj prelegoj, diskutrondoj kaj laborgrupoj prilumis la temon. Gordana Dragičević prelegis pri la grekaj mitoj. La temo de Klaus Dahmann estis "De legendoj al fabeloj". Vesna Krauth gastis per "Senco kaj signifo de fabeloj por la evoluo de la homo" kaj "Rilato de la lingvo kaj fabelo - formo kaj enhavo". Mitoj ne mankis eĉ sur la muroj, kiuj estis ornamitaj per pentraĵoj kaj grafikaĵoj de la juna pentristo Marijan Mirt, dediĉitaj al la temo "Mitologio".

Unu el la laborgrupoj mem konstruis kastelon el kartono kaj aliaj specoj de paperoj.

Nian kastelon ni adiaŭe lasis al niaj gastigantoj en la ripozejo "Zlatokrila".

Dum la renkontiĝo oni okupiĝis ankaŭ pri ornamado de la paskaj ovoj, kreadis figurojn per la japana paperfalda tekniko "origami", biodancis. Ne mankis ankaŭ ĉiutaga fabellegado.

Drama Grupo de Studenta Esperanto-Klubo el Zagreb surscenigis la fabelan temon "Kiel princo serĉis sian princinon", kiu sprite traktis diversajn famajn fabelojn.

La kulmino de la fabeleco okazis la lastan nokton, kiam dum la Fabela Balo enkorpiĝis multaj personoj el diversaj fabeloj. Ĉiu masko prezentiĝis al la anoj de la malserioza Fabela Komisiono, konsistinta el Maŭro Tauzzi, Kruno Tišljar kaj la mondfama Ulrich Farrenkopf. Ili ne elektis la plej bonan maskon - sed la plej bonan prezentaĵon - la ruĝlipan verdĉapulinon de Vanja Radovanović.

Ŝajnis ke la nokto finiĝos per la kroat-bosnia festo, sed tiam, kiom fabalece, de nenie aperis - kantaretoj... kaj la nokto finiĝis matene per la komuna kantado.

Dum la nokto kreiĝis ankaŭ la 3-a MIRO-bluso, kies teksto aperas en INTERTEMPO - la informilo de KEJA.

La renkontiĝo havis ankaŭ aventurecan parton. Ni celis romantikan ekskurson al la vere speciala insulo Susak. La insulo estas specifa pro sia loĝantaro kaj la sabla konsisto de la insultero. La insulo estis kreita el la "fabela" sablo de nekonata deveno, sen eĉ unu ŝtono! Ankaŭ la vino de la insulo apartenas al la fabelaj mondoj, laŭ iuj gustumintoj tie oni trinkas la plej bonan vinon de Adriatiko. Niaj intencoj ne efektiviĝis: Kvazaŭ per magia bastoneto la ŝipo kun la ekskursantoj transformiĝis al la scenejo el la teruraj aventuroj de Sindbad la Maristo: grandegaj ondoj freneze svingadis la ekskursintojn kaj surŝprucis ilin. La vojaĝantoj havis diversajn reagojn: kelkaj el ni vere ektimis, aliaj ne povis regi naŭzon, la triaj ĝuis kvazaŭ en la plej bona amuzparko. La ŝipo devis albordiĝi kaj alportis nin al la belega naturo de la insulregiono Čikat. Kvankam la ŝipo ne atingis la celitan insulon Susak, la ekskurso sur la ondiĝanta maro restos eterna memoraĵo.

Ankaŭ la ĝentilajn dommastrojn el la bela restadejo "Zlatokrila" kaj la ĉarmegan urbon Veli Lošinj ni konservos en la memoroj.

Ĝis la 4-a MIRO!

*Mila Bečka*
*Faruk Islamović*



## LA UNUA KROATIA ESPERANTO-KONGRESO

La Prezidantaro de Kroatia Esperanto-Ligo
iniciatas okazigon de la

UNUA KONGRESO DE KROATIAJ ESPERANTISTOJ

la 17an kaj 18an de majo 1997 en Zagreb

Kadra temo:

»Kroatio por Esperanto - Esperanto por Kroatio«

celas prilumi kion en preskaŭ centjara historio faris Kroatio por Esperanto kaj kiel Esperanto servis por diskonigo pri Kroatio.

## SARAJEVANO ĈE MIRO

La plej interesa partoprenanto de la 3a Mediteranea Internacia Renkontiĝo - MIRO estis kompreneble Samir Ribić el Sarajevo. Samir parolas Esperanton ekde 1983. Li lastatempe diplomiĝis pri elektroniko kaj havas multan intereson pri komputiloj.

Ĉion el la milito kion ni aliaj nur televide spektis, Samir reale travivis en Sarajevo. Spite al ĉio, Samir perdis nek vivĝojon nek Esperantan spriton, kion li bone montris dum la Fabela Balo de MIRO en sia ege interesa prezentiĝo. Bedaŭrinde ke la Fabela Komisiono ne montris entuziasmon por lia prezento.

Samir estis la plej serĉata parolanto dum la intervjuo por Radio Lošinj.

La vizito al MIRO estis por Samir la unua eliro el la Sarajeva sieĝo. Ebligis ĝin la invito de Kroatia Esperanto-Junulara Asocio.

Ni deziras al li multe da Esperantaj renkontiĝoj kaj esperas pri la baldaŭa renkontiĝo en Sarajevo.

Dum la venontaj monatoj Samir pro sia nova posteno loĝos en Ljubljana kaj aŭtune li planas reveni al Sarajevo.

*Faruk Islamović*

# PERSISTA ESPERANTO-KULTURO EN KROATIO

Kroatio dum multaj jaroj estis vigla pulsejo de Esperanto-kulturo.

Jam en la unua jardeko de la Esperanta agado la pioniroj de Esperanto ligis la lingvon al la kulturo: la unuaj eldonaĵoj el Kroatio per kiuj debutis la kultura agado estis eldono de "Kroataj Poeziaĵoj" en 1911 kaj la postan jaron la publikigo de la romano de August Šenoa en Esperanta traduko "La trezoro de oraĵisto".

Ankaŭ teatra arto profunde enradikiĝis en Kroatio: Zagreb havas jardekojn longan tradicion pri la Esperanto-teatro. Ĝuste en Zagreb ĝermis kaj kreskis Internacia Esperanto -Teatro kiun gvidis Zlata kaj Srdjan Flego. En Zagreb ekde 1968 ĉiujare okazas Pupteatra Internacia Festivalo.Tute specife pli ol du jardekojn en Zagreb aktivas pri teatro en Esperanto la zagreba aktorino Vida Jerman.

Apartan ĉapitron de la Esperanta kulturo en Zagreb kreis funkciado de Internacia Kultura Servo ekde 1972.En la lastaj jaroj la nacilingvaj programoj en la kulturcentro superis la Esperantajn. La internacie konataj zagrebaj esperantistoj Zlatko Tišljar - Pajo, Judita Rey-Hudeček kaj Spomenka Štimec forlasis la plurjaderdekan laboron por IKS. El la esperantistaj aktivuloj nur Ivan Špoljarec plue postenas en IKS.

Zagreb estis krome signifa urbo por eldona agado en Esperanto. Estas agrable scii, ke ankaŭ dum la lastaj militaj jaroj la verkado en Esperanto ne estingiĝis en Zagreb pri kio atestas informoj interalie ankaŭ en la libroserva paĝo.

## KIAL ESPERANTO TIOM LIGIĜAS AL KULTURO?

Por kompreni la fenomenon de la kulturo, eble helpos al ni la sveda aŭtorino Christina Cleasson per ŝia verko »Neniam estos pli nun ol estas nun«. La traduko de Sten Johansson helpas al ni sekvi ŝiajn pripensojn pri la kulturo, en la jaro kiam nia ĉefkongreso en Prago portas la titolon » Kulturo - valoro aŭ varo«? Sten Johansson prezentis la tekston kadre de sia temo en la seminario »La bela lingvo« en Karlskoga en Svedio.

## LA SONĜA VIVO KOLEKTIVA

Psikologiaj eksperimentoj montris, ke la homo al kiu oni malhelpas sonĝi ekhavas mensajn perturbojn. Nekapablo koncentriĝi, halucinoj kaj nerva kolapso fine kondukas al la morto. La sonĝo necesas ne nur kiel kroma spico por la spirita vivo, sed por la efektiva pluvivado de la individuo.

La kulturo estas la sonĝa vivo de nia socio.

Iuj homoj ne memoras eĉ unu solan el siaj sonĝoj. Ili tamen sonĝas, kaj same dependas de sonĝado por pluvivi.

Same troviĝas homoj, kiuj neniam legis eĉ unu libron. Tamen ili posedas lingvon, ili konas melodiojn, ili havas interpretojn de la mondo kaj vidpunktojn pri beleco, ili havas esperojn kaj timojn, eksplikojn kaj demandojn.

La kulturo estas la sonĝa vivo de nia socio - sed kio okazas al la socio, se oni stringas tiun sonĝan vivon?

Ne eblas amputi la sonĝan vivon de individuo kaj poste atendi, ke tiu normale funkciu: manĝu, laboru, prizorgu siajn infanojn.

Ne eblas ordoni al individuo sonĝi nur gajajn sonĝojn, aŭ sonĝojn mallongajn, aŭ sonĝojn kun feliĉa fino.

Ne eblas devigi individuon sonĝi nur libertempe, aŭ eksterlande, aŭ en la somera dometo.

Ne eblas devigi individuon sonĝi la sonĝojn de iu alia.

Saĝaj konantoj de la homa socio scias, ke la sonĝa vivo bezonas instigon por ke la individuo bonfartu. Neniam eblas antaŭvidi, kiaj sonĝoj aperos. Sed kiaj ajn ili estu - koŝmaroj, sonĝoj erotikaj, sonĝoj tristaj, sonĝoj gajaj, sonĝoj babilemaj aŭ sonĝoj freneze sensencaj - ili ĉiuj havas sian taskon kaj ili ĉiuj estas ĝuste tiuj sonĝoj kiujn bezonas ĝuste tiu individuo por pluvivi.

La kulturo estas la sonĝa vivo de la socio.

Kio okazas, se oni ĝin stringas?

*Spomenka Štimec*

# KROATIAJ ESPERANTISTOJ AKTIVAS ANKAŬ EN EKSTERLANDO

### Zdravka Metz en Kanado

Zdravka Metz post viglaj agadoj en Zagreb antaŭ jardeko fondis sian Esperanto-familion en Montrealo sed neniam ĉesis rilati al la kroataj radikoj. Lastetempe ŝi kontribuis intervjuojn por la libro "Vivprotokoloj", kiun eldonis Ulrich Becker en Berlino. En la libro estis publikigitaj intervjuoj de Zdravka kun pluraj esperantistoj el diversaj landoj pri iliaj vivkondiĉoj kaj rilato al Esperanto. En la libro troviĝas ankaŭ pluraj paĝoj pri Kroatio, en la ĉapitro titolita "Rat i Mir", rilatantaj al la persekutoj en 1945.

### Saša Sirovec en Parizo

Saša lernis sian Esperanto-metion en Zagreb kaj ekloĝis en Parizo kie ŝi laboras kiel tradukisto. Kun sia edzo-esperantisto François Lo Jacomo ŝi realigis la Esperantan eldonon de "Sarajeva Sieĝo" de Zlatko Dizdarević. Patrino de du infanoj Anna kaj Stéphane, ŝi ne ĉesis esperantumi. Lastatempe aperis el ŝia plumo (respektive komputilo) kroatigo de la verko de Jorge Semprun "Verkado aŭ la vivo" ĉe la eldonejo Feral Tribune.



### ANNO DOMINI 1992
### (Al A. Goodheir kaj W. Auld)

Infana ne, spitema raso,
sonĝante ĉiam pri lŭlibero.
Eĉ kontraŭ fortoj el infero
pli forta spite al amaso.

Landŭ mia estas sur atlaso,
pli grandas ĝia nomŭ sur tero.
Infana ne, spitema raso,
sonĝanta ĉiam pri lŭlibero.

Kun varma koro sub kiraso,
popolo mia post sufero,
atingis venkon kun espero.
Por la kroatoj! Plenas glaso!

Infana ne, spitema raso.

*Ivo Borovečki*

*La poeto Albert Goodheir forpasis, kara amiko de pluraj verkantoj el Kroatio. Memore al li ni publikigas la poemon, kiu al li estas dediĉita.*

# INTERVJUO KUN ZLATA FLEGO

La Internacia Arta Teatro (IAT) dum pli ol kvaronjarcento estis signifa ero de la Esperanto-kulturo. Dum UK-oj kaj IJK-oj la gefratoj Srđan kaj Zlata Flego sukcesis organizadi serion de teatraĵoj kun profesiaj aktoroj, plejparte el Zagreb. Pri sia nun preskaŭ 60-jara esperantista vivo, kaj sia sekretaria laboro en IAT rakontis Zlata Flego al la TEMPO-intervjuisto Klaus Dahmann.

TEMPO: Kara Zlata, vi baldaŭ festos la 60-an jubileon de via esperantistiĝo. Kiel aspektis la „verda vivo“ en Zagreb kiam vi ekokupiĝis pri la Internacia Lingvo?
**Zlata:** Mi ekvizitis kurson kiel 16-jara knabino ĉe Ivo Lapenna en Akademia Esperanto-Klubo (AEK), kiu estis unu el tiame tri zagrebaj societoj, apud Laborista Esperanto-Klubo kaj Esperantista Societo. En Primorska-strato troviĝis la sekretariejo de AEK, kaj ni luis en Preradovićeva-strato salonegon por kursoj. Tiu kursejo ĉiam estis plenplena, eĉ kelkaj devis stari! La interesiĝo pri Esperanto



Dum ekskurso de zagrebaj esperantistoj al Ponikve 1937
Ivo Lapenna, malantaŭe meze; Srdan Flego, tute antaŭe kuŝanta; Zlata, tria dekstre; Emilija Heiligstein, tria de maldekstre.

estadis vere grandega. Tiam, do antaŭ la 2-a Mondmilito, la ĉi-tiea movado estis sufiĉe progresema kaj maldekstre orientita, kaj multaj el ni aktivis ankaŭ en la kontraŭfaŝisma movado.

TEMPO: En la postmilita tempo via engaĝiĝo direktiĝis al la kultura kampo de la Esperanto-movado. Kiel tio aspektis?
**Zlata:** Fine de la 40-aj jaroj mi redaktis dum proksimume unu jaro „La Sudan Stelon“. Kiam mia frato Srdan fondis Internacian Artan Teatron en 1957 en Parizo, mi iĝis ties sekretario, ĝis komence de la 70-aj jaroj. Ni opiniis ke tio estas io tre valora, ja teatro ĉiam havis gravan rolon en la evoluo de literaturaj lingvoj. La baza ideo estis engaĝi profesiajn, do ne-esperantistajn aktorojn kaj prezenti internacian repertuaron je alta nivelo en Esperanto. La aktoroj venis el diversaj landoj, sed plejgrandaparte tamen el Zagreb. Tiel ekz. en la UK 1962 en Kopenhago ni surscenejigis i.a. „Onklon Maroje“ de Marin Držić je malavara financa subteno de la kroatia ministerio pri kulturo, kaj aktoris esperantlingve Fabijan Šovagović, Vanča Kljaković, Mladen Šerment, Drago Krča, Dragan Milivojević, Ivo Fici, Mira Župan, Etta Bortolazzi, Ljubica Jović kaj aliaj, dum alifoje estis ekz. Boris Buzančić, Emil Glad kaj multaj pliaj.

TEMPO: Kiajn reeĥojn vi havis pri la teatraĵoj?
**Zlata:** Nu, la kritikoj estis ĝenerale tre laŭdaj, ja la aktoroj, kvankam nur malmultaj el ili vere lernis Esperanton, kun profesia perfekteco prononcis siajn tekstojn kaj aktore simple fascinis. Tiel William Auld unufoje recenzis ke tiuj aktoroj estas „ĝisostaj esperantistoj“ kaj ke oni tie vidas ke Esperanto estas bonega teatra lingvo. Por ni estis grave ke pere de Esperanto la publiko havu la ŝancon ekkoni ankaŭ aŭtorojn nemondkonatajn, el pli malgrandaj kulturoj. Nia repertuaro do intence konsistis el monde konataj kaj nekonataj verkoj.

TEMPO: Meze de la 70-aj jaroj IAT tamen malaperis. Kiel tio okazis?
**Zlata:** Finfine la problemoj en IAT ekestis pro la financoj. Kiam komenciĝis en UEA ŝpara kampanjo, ties unua viktimo estis, kiel kutime, la kulturo, kaj nia teatro montriĝis simple tro multekosta. Se oni konsideras ke

INTERNACIA ARTA TEATRO 1957

eĉ pliriĉaj ŝtatoj havas problemojn financi siajn teatrojn, ne mirigas do ke la Esperanto-movado ne povas disponi la financan bazon por tia institucio. Teatroj ja estas lukso. Aliflanke, tre bedaŭrinda afero por ni estis ke, kiam IAT malaperis, ŝajne neniu sentis ke io mankas, neniu postploretis ĝin.

TEMPO: Rigardante la hodiaŭan movadon, precipe ĉi tie en Zagreb, kion vi konstatas kompare kun la tempo kiam vi eklernis Esperanton?
**Zlata:** Vidu, tiutempe la junula kaj plenkreskula generacioj kunis ege pli ol hodiaŭ. Estante ankoraŭ gimnazianino, mi sentis min samranga kun ĉiuj aliaj klubanoj, negrave ĉu akademiaj profesoroj aŭ samaĝuloj. Ni kune ekskursi, festis kaj amuziĝis. Tio hodiaŭ iel mankas al mi - lajunularo apenaŭ havas kontakton kun la maljunularo, kaj tiel laŭ mi la fendo inter ambaŭ generacioj eĉ pligrandiĝas. Oni devas flegi la amikecon inter ĉiuj esperantistoj, senkonsidere de la aĝo aŭ ajna alia aspekto. Mi mim ĉiam sentis min apartenanta la la juna generacio...

TEMPO: Mi kore dankas pro la intervjuo.

*Klaus Dahmann*

# EL NIA HISTORIO

**Kroatia Esperanto-Ligo** fondiĝis la 9-an de septembro 1945. La ĉefaj aktivuloj dum la unuaj jaroj de KEL estis Ivo Lapenna, inĝ. Nada Gropuzzo, Ernest Kasović, Zvonko Rehorić, Franjo Vokoun, Emilija Lapenna, Marko Demetrović, Jelena Manojlović, inĝ. Drago Iskra, Josip Vajdlih, Antun Kolarić, Marinko Gjivoje, Ivo Borovečki.
Jam tiutempe aktivis junaj knabinoj Zlata Flego kaj Lucija Borčić.
KEL tiutempe gvidis kursojn, havis regulajn prelegojn en "Bude Borjan", en novembro 1947 eldonis la unuan postmilitan numeron de "La Suda Stelo" en Zagreb preparis la unuan nacian postmilitan kongreson en Varaždin en 1947.
La membroj kunvenis en Ul. Neznane junakinje 1/III ĝis inĝ. Ivo Godek kaj d-ro Ivo Lapenna trovis la ejon por "Bude Borjan" en Amruševa 5, en kiu ni daŭre esperantumas.

*(El la memoroj de la tiama ĉefrecitanto de poezio en "Bude Borjan" Ivo Borovečki.)*

## Dan Đaković en Ĉeĥio

La 15-jara Dan, unu el la 5 infanoj en la familio de gepatroj-esperantistoj ricevis inviton fariĝi helpanto ĉe la Infana Kongreseto en Ĉeĥio en julio 1996. Dan partoprenis ankaŭ siatempe Infanan Kongreseton en Valencio. Dankon al la invitinto Kristoforo Fettes, kiu tiamaniere helpas flegi Esperanton en la familio, kies patro Predrag-Pero viktimiĝis en la milito.

## Vida Jerman en Makedonio kaj Danlando

La zagreba aktorino Vida Jerman preparas sian profesian teatran turneon en majo en Makedonio, kie ŝi prezentos monodramon "La elekto de Tonka". Esperebleble ne mankos ankaŭ pluraj kontaktoj kun la makedonaj esperantistoj. Ŝi ricevis inviton gasti en augusto ĉe Kultura Esperanto-Festivalo KEF en Danlando. Kopenhago estis por 1996 elektita la kultura ĉefurbo de Europo.

# NOVA ESPERANTO-STRATO EN ZAGREB

*Slavko Ježić estas sendube unu el la plej elstaraj figuroj de la ĉijarcenta kroata kulturo. Pasintjare Kroatio konvene prifestis la centjaran jubileon de lia naskiĝo kaj tiukaze la Zagreba taggazeto »Vjesnik« (Heroldo«) publikigis artikoleton pri lia iama esperantisteco.*

Slavko Ježić naskiĝis en la jaro 1895, diplomiĝis pri slavaj kaj latinidaj lingvoj en Vieno, kaj post la doktoriĝo fariĝis en 1917 mezlerneja profesoro en Zagreb. Dum la jaro 1921 li restadis en Parizo por pliperfektiĝi pri la franca lingvo kaj literaturo, fariĝinte baldaŭ unu el la plej bonaj konantoj de la franca literaturo en nia lando. Dum la Dua mondmilito li prelegis kiel universitata profesoro pri la franca lingvo ĉe la Filozofia fakultato en Zagreb. Post la milito li prelegis ĉe la Supera Altlernejo en Split. Li pensiiĝis en 1953.

D-ro Ježić aktivis dum pluraj jardekoj kiel eminenta verkisto, tradukisto, kritikisto, eldonisto, redaktoro kaj teatrologo.Li tradukis pli ol kvar mil versojn el dekunu lingvoj germana, franca kaj Esperanto. Menciindas ke li estis nefavorato de politikaj reĝimoj, kiel en reĝa tiel en la socialisma Jugoslavio.

Lia plej grava verko (nun reeldonita) estas "Hrvatska književnost" (Kroata literaturo) aperinta en 1944, en kiu li brile kaj erudicie prezentis la kroatan literaturon ekde ĝia komenco en mezepoko ĝis la Dua mondmilito.

Slavko Ježić ellernis Esperanton kiel mezlernejano en 1908, estis membro de "Societo de kroataj esperantistoj" kaj aktiva kunlaboranto de "Kroata esperantisto" en kiu li aperigis kelkajn tradukojn el la poezio de Fran Mažuranić, Stanko Vraz kaj Petar Preradović. Lia originala versaĵo en Esperanto "Se ci scius..." estis presita en "Kroata Esperantisto" la 25-an de aprilo 1910. Ĝi estis represita en en 1991 en "Kroatia Esperanta Poemaro". Foririnte studi al Vieno li malaperis el la movado, sed li neniam forgesis la lingvon.

Mi estis 17-jara gimnaziano kiam mi renkontis lin en 1941 en la I-a Klasika gimnazio kie li profesoris, sed tiam mi eĉ imagi ne povis, ke li konas Esperanton.

En 1953 mi estis prezidanto de LKK de la 38a UK de Esperanto en Zagreb kaj ekscinte ke li estas esperantisto, mi invitis lin partopreni la kongreson.

Li tion volonte faris kaj dum la kongreso li estis la oficiala akompananto de la delegito de UNESKO. Post la kongreso mi vizitis lin kelkfoje en lia hejmo kaj ni kutimis diskuti pri la okazaĵoj en Esperanto-Movado. Meze de la kvindekaj jaroj d-ro Ježić (kune kun la poeto Gustav Krklec) preparadis grandan kroatlingvan antologion de tutmonda liriko. Li petis min havigi al li lirikajn verkojn en Esperanto kaj precipe tradukojn el la poezio de malgrandaj popoloj. Mi alportis al li dudekon da tiaj kaj li estis tre kontenta. Tiu granda antologio aperis en 1956 kaj mi povis tuj rimarki ke li mem tradukis el Esperanto al la kroata plurajn versaĵojn de latvaj kaj litovaj poetoj. Tio pruvas, ke li neniam forgesis Esperanton kiun li ellernis kiel 13-jara knabo. Li mortis la 5-an de majo 1969.

*Ivo Borovečki*

## Nikola Rašić en Nederlando

Nikola Rašić en Nederlando jam de kelkaj jaroj Konstanta Kongresa Sekretario en la Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio aktuale havas multan laboron por prepari la ampleksan Universalan Kongreson en Prago.

Lastatempe Rašić adaptis por la nederlanda lingvo la Zagreban Metodon de la Esperanta lernolibro . Li kunlaboras aktuale kun pluraj lingvistoj pri kompilado de kroata-nederlanda vortaro.

Li trovis tempon por kontribui por nia "Tempo" tradukon el la moderna kroata literaturo, tekston de la verkisto Pavao Pavličić.

## Ante Ferenčić inter Svislando kaj Zagreb

La zagreba esperantisto, kiun mininĝeniera profesio forgvidis de Zagreb al diversaj anguloj de la mondo, junaĝe laboris en Etiopio, Birmao poste dum multaj jaroj li vivis en Venezuelo, nun loĝas en Svislando. En Kroatio li preparas novan libron por la eldonejo »Izvori«. La libro "Estrado de ŝanĝoj" havos anglan kaj Esperantan resumon kaj traktos ĉapitrojn pri necerteco kaj kaoseco, procedoj de globaliĝo, funkciigo de organizoj.

En 1992 li publikigis ĉe la sama eldonejo "Serĉante la novan mondordon".

## LINGVA ANGULO

# EVITU AGLOMERADON

### DE OFTE NENECESAJ SUFIKSOJ -EC, -AD KAJ -UL

Atentu ke la sufikso - ec principe signas abstraktecon, do, ne apliku ĝin al konkretaĵoj aŭ konkretaj statoj.
Ne diru: "la malliberigita knabo atendas liberecon", sed "liberiĝon."
Ne diru: "la vundita digneco", sed "la vundita digno"
Ne diru: " pro nokta deĵoreco" sed "pro la nokta deĵoro"
Ne diru: "momento de ĝojeco", sed "momento de ĝojo"

juneco - maljuneco = stato de tiu parto de la homa vivo
junaĝo - maljunaĝo = tiu tempo de la homa vivo
Ekz. Juneco estas la plej bela parto de la homa vivo. Mian junaĝon mi pasigis plej parte en la kamparo. Maljuneco ne estas facile eltenebla. Lian maljunaĝon li pasigis agoplene, li neniam enuis. Mi ne vidis lin ekde mia infanaĝo.
La sufikso "ad" signifanta daŭron aŭ ripetadon de la ago, ne necese aldoniĝas al la verbradikoj jam inkludantaj la nocion pri daŭro aŭ ripeto.
Do ne diru: "li foriris sen haltado kaj hezitado", sed "li foriris sen halto kaj hezito" aŭ "sen halti kaj heziti".
Ne diru "ili kantadis la tutan vesperon", sed "ili kantis..."
Ne diru »li bone plenumadis siajn taskojn«, sed ... plenumis...
Ne diru »li venadis regule al la laboro«, sed »li venis«...

La sufikso »ul« signifas individuon, personon, karakterizitan per tio kion esprimas la radiko. Sekve ne uzu ĝin kiam ne temas pri la karakterizo, sed pri simpla stato aŭ rezulto.
Do, ne diru: »konatulo« sed "konato"
Ne diru: "handikapulo", sed "handikapito"
Ne diru " interesulo" sed "interesiĝanto"

*Lucija Borčić*

## VERA REPAC EN USONO KAJ HUNGARIO

En aŭtuno 1995 mi havis eblecon pasigi monaton en la usona ŝtato Missouri, pere de mia profesia laboro. Mi estas ekonomisto en makroekonomia instituto kaj mi partoprenis monatan kurson ĉe Universitato Missouri en urbo la Columbia.

La gastado en Usono estis utila kaj kelkfoje ĝi plibeliĝis per esperantaj kontaktoj.

En la urbo Saint Louis mi konatiĝis kun profesoro Ronald J. Glossop kaj lia lernantino Peggy Dolter. Al profesoro Glossop, kies adreson mi trovis en Jarlibro, mi skribis leteron jam el Kroatio, kaj lia bonveniga karto atendis min en la hotelo, la unuan malfruan vesperon en Usono. Tio estis mia unua bela surprizo.

Profesoro Glossop vojaĝis kun mi al ŝtato Illinois, por konatigi min kun profesoro Duncan Charters kaj Jeniffer, usona lernantino de Spomenka Štimec el la San Franciskaj Universitataj Kursoj. Duncan estas profesoro de la hispana lingvo en la plej konata kolegio en Illinois. Tiuj kvar-kvin horoj de la belega posttagmeza sabata aŭtuno mi ne forgesos. Nia lingvo kaj unu el la plej belaj lokoj en la mondo ( monteto apud la rivero Missouri per dekoj da konstruaĵoj, tute novaj kiuj similas al 19 jarcento, kaj milionoj da diversaj flavaj kaj ruĝaj folioj, preskau paradizo ). Mia dua bela surprizo.

En la urbo Columbia mi konatiĝis kun Alex Miller. Esti kun Alex en lia Evangelista preĝejo estas tria granda surprizo.

Nun miaj Esperanto- gelernantoj korespondas kun Alex, Peggy kaj Ronald.

Komence de aprilo ĉi-jare kelkaj el miaj gelernantoj kaj mi partoprenis Internacian deklamkonkurson en la urbo Papa en Hungario. Denove estis ĝoje esti kun Joszefo Nemeth, Edit, Etelka Schwarcz, Kati kaj Zoltan Giczi, la direktoro Robert Radi, profesorinoj Marija kaj Kati, kaj iliaj gelernantoj.

Niaj hungaraj geamikoj denove invitis nin en junio gasti per kultura programo kiam okazos ludoj de junuloj el kvin urboj de Mez- Europo, kaj mi invitis ilin gasti ĉe ni komence de aŭtuno.

*Vera Repac*




# LA KVARDEKA NASKIĜTAGO DE SEK!

*Kvar jardekoj kreas tradicion en Amruševa 5, la kluba adreso, kiun konas multaj generacioj de esperantistoj ne nur en Kroatio. Studenta Esperanto-Klubo - SEK fidelas al si mem kaj organizas kursojn por daŭre junigi la Movadon:*
*Kiel varbi novajn komencantojn?*

La jara ĉefkunveno fine de marto stimulis al kreado de grandaj afiŝoj kiujn ni pendigis en fakultatoj kaj mezlernejoj. La malpli grandaj afiŝoj trovis sian lokon en bibliotekoj, kinejoj, Studenta Centro...

Tri niaj klubanoj Maja Tišljar, Faruk Islamović kaj Martina Prelogar gastis ĉe Radio Samobor por paroli pri Esperanto kaj tute specife pri la aktivado de nia klubo. Fine de la elsendo ni organizis konkurson por aŭskultantoj kaj du junulinoj gajnis senpagas kurson ĉar ili respondis al du simplaj demandoj pri Esperanto.

Ni organizis prelegon ĉe Kroata-Franca Societo por gejunuloj kaj prelegojn ĉe kelkaj fakultatoj de la Universitato. La plej bonan reeĥon ni trovis ĉe la lingva fako: aŭskultis nin dudeko da homoj, ĵurnalisto de "Vjesnik" publikigis informon pri ni. La gazetoj "Vjesnik" kaj "Večernji list" publikigis senpagajn anoncetojn pri niaj kursoj kaj "Slobodna Dalmacija" intervjuon kun la prezidantino Martina Prelogar.

Ni konkludis, ke ĉi-foje ni sukcesis informi la publikon per la amaskomunikiloj.

La 12-an de marto la laboro de membroj kaj entuziasmo fruktis: por la kursoj prezentiĝis trideko da gejunuloj kaj ni aktuale havas du porkomencantajn kursojn, gvidataj de Mea Bombardelli kaj Rick Newsum kaj Gordana Dragičević.

En februaro finiĝis C-kurso, komenciĝis "interkurso" kaj B-kurso, ĉiuj tri gvidataj de Klaus Dahmann.



Sed tio ne estas ĉio. Nia tradicie konata drama grupo estis tre aktiva. Dum la tria MIRO en Veli Lošinj ĝi prezentis la teatraĵon "Kiel princo serĉis princinon?" kaj la 11-an de aprilo konkursis kadre de la Renkontiĝo de teatraj amatoroj de Zagreb per "Stilekzercoj" de R. Queneau.

Granda parto de SEK-okupiĝoj estas vojaĝoj. Niaj membroj ĉeestis en IS, MIRO, IJF, ĉu necesas traduki tiujn por junularo tre klarajn mllongigojn?

Ni ekskursas kune kaj en bona tradicio de SEK ofte montgrimpas. Ne mankas tradiciaj prelegoj kun lumbildoj kaj vendredaj festoj de naskiĝtagoj kaj maskobaloj... pro kiuj la najbaroj ne tro ĝojas... jam 40 jarojn.

La klubejo estas malfermita kial ĉiam por homoj kun novaj kaj freŝaj ideoj, volantaj lerni Esperanton.

En 1997 SEK festos 40 jarojn! Bonvenon al la festo!

*Martina Prelogar*

## NENA IMBERT EN FRANCIO

Post sia kvarjara vivo kaj laboro en Francio Nevenka-Nena Imbert ne ĉesis sian pupteatran kaj Esperantan agadon. La lastan jarfinon ŝi pasigis en Alzaco ( Colmar ) ludante pupteatrajn prezentadojn por la franca publiko dum plena monato. La trionon de la gajnita mono ŝi distribuis al rifuĝintoj kaj aliaj samlandanoj kiuj havas problemojn.



Ĉe ĉiu ŝia vizito al Francio ŝi kontaktis geamikojn-esperantistojn kaj aktive partoprenis la vivon de tiea esperanta komunumo.

En februaro 1996 ŝi pasigis du semajnojn en Strasburgo partoprenante en la projekto de la Nacia Teatro ( TNS ) kiu kunigis francajn kaj bosniajn infanojn el Zenica .En la projekto ŝi partoprenis kiel tradukisto kaj aktoro en la prezentaĵo kiun reĝisoris Barbara Boichot, aktorino de la konata kompanio »Image aigue« el Liono.

# LA DANUBA ESPERANTO

Vukovar ne havas sian propran dialekton. Se vi aŭskultas la vukovaranojn paroli, vi sendube rimarkos ke ili iom longumas siajn silabojn, sed ke cetere ilia parolo apenaŭ malsamas de la normkroata. Ili eĉ estas tiom grandanimaj ke ili tute trankvile miksas la vortojn el ĉiuj tri regionaj prononcoj: la ikava, ekava kaj la ijekava[1]. Tie oni diras, ekzemple, mleko kaj lepo (ekave, do), sed same oni ĉiam diras grijati, sijati[2] laŭ la ijekava normo. Kunestas ankaŭ la šokca[3] ciglja[4] kaj la Srijema čokot[5], apud la normlingva općina[6]. En Vukovar interplektiĝas diversaj lingvaj influoj, sed tiun miksaĵon oni ja apenaŭ rajtus konsideri tipe vokovara.

Kaj tio estas, certamaniere, en ordo: kia estas la situo de Vukovar, tia estas ankaŭ ties parolo. Ĉar malfacilas ja diri kie Vukovar troviĝas, en kiu regiono[7]. Multaj diras ke ĝi estas en Slavonio, tion diras ankaŭ pluraj vukovaranoj: kaj tamen Vukovar iam estis la centro de la Provinco Srijem, tiel ke neniu el la urbanoj rezignus pri tiu srijema aparteno. Tiuj kiuj pleje precizemas kaj ŝatas kurizaĵojn, dirus ĉi-tiele: Vukovar fakte situas ĉe la limo inter Srijemo kaj Slavonio, tiel ke la rivero Vuka, fluanta tra la urbomezo, dividas ĝin en srijeman kaj slavonian partojn. Ankaŭ tio estas plia pruvo pri la limsitua pozicio de la urbo.

Iu alia eble ne konsentus pri tio kaj emus pruvadi ion tute aliegan, kaj tre verŝajne nenion sukcesus pruvi. Kaj tute ne mire: Vukovar ŝajne eĉ ne eblas geografie precize determini, ĉar ĝi estas kaj Srijemo kaj Slavonio, kaj dume ĝi landlimas kun Baĉko, tiel ke ĝi estas pluraj aferoj samtempe. Ĉu mirigas tiam, ke ankaŭ ties lingvaĵo estas miksaĵo? Ĉu mirigas ke la dialekto de vukovaranoj pleje similas al parolmaniero de iu kiu multe migradis, kaj tiel kolektis po iomo de ĉie kie oni loĝis?

Kaj kiam la vukovaranoj vere migras - pro laboro, studoj aŭ pro familiaj kialoj - tiam tiu ilia parolo plene determinas ilian sorton kaj vivstilon. Malestante parolantoj de iu medio en kiu ili troviĝas, tiel ke baldaŭ vi jam ne plu povas distingi ilin de la indiĝenoj. Ĉu iam okazis ke vi rekonu laŭ parolo la vukovaranon, samkiel vi povas senerare identigi iun dubrovnikanon aŭ likanon? Kompreneble ke ne, kaj mi certigas vin ke tio ankaŭ ne okazos.

Kio eĉ pli gravas, laŭ la parolmaniero ili ankaŭ ne rekonas unu la alian, kiam ili renkontiĝas ie ekter la hejmregiono. Pro tio ili restas unu al la aliaj nekonataj: en Zagreb, ekzemple, vivas multaj vukovaranoj, sed ili nek konas unu la alian nek ili renkontiĝas. Ili ne kondutas kiel samlandanoj: ili nek helpas unu la aliajn, nek ili estas reciproke sentimentalaj, kaj ĝenerale ili tute ne montras ian loTkisman partiecon, tiom tipan ĉe ni. Ne estas tiel ĉar mankas al ili amo al la hejmio kaj la hejmregionanoj; tute male, maloftegas tiaj lokpatriotoj kiaj estas la vukovaranoj. Ne, tio estas pro ilia idiomo, kiu ne permesas al ili agi alimaniere. Ĉar, jam denaske ili alkutimiĝis al tiu sia vukovara la medio en kiu ili vivas, sed same tiel, se ne eĉ pli facile, ili akceptas la normlingvon. Ili do akceptas ion, kio apartenas al neniu specife, ion al kio ĉiuj devus strebi. Ili fieras paroli tiel kiel oni parolas en radio, kaj tial facile fariĝas parolistoj aŭ aktoroj, sed ili eĉ pli fieras ke pere de la lingvaĵo, ili alpropriĝas ankaŭ ĉiujn aliajn ĝeneralajn valorojn.

Klaras ankaŭ kial: kiel estas pri la lingvaĵo, tielas ankaŭ pri ĉio cetera, kvankam el la lingvumo ĉio fontas. La vukovaranoj amegas siajn lokajn specialaĵojn (ezokon kaj hokon, brandon kaj frandon, vinebrion kaj alion), sed ili ne opinias ke por tio ili estas destinitaj. Tial vi ne aŭdos ilin enustrangoli siajn kunparolantojn per tio, samkiel vi ne vidos ilin en iaj loksimaj kunvenoj publike salivumi pri si kaj pri sia urbo, kiel io plej superba sub la ĉapo de Dio. Ili kredas ke al la mondo ilin povas proksimigi nur tio kion la mondo povas kompreni, kaj tio el ilia hejmlanda bagaĝo, kio estas kosmopolita. Kaj tio estas, antaŭ ĉio, la lingvo, kaj kun ĝi la tuta mondkoncepto. Tial publike ili ĉiam estas je la flanko de ĝeneralaj valoroj, dum tion kio estas loka ili lasas por ĉehejma konsumo, samkiel hejme oni ĝuas bongustajn farendaĵojn el la hejmloko.

Tio, kiel mi jam aludis, povas havi ankaŭ malavantaĝojn, en tiu ĉi mondo en kiu svarmas hejmlandaj kluboj kaj regionaj lobioj. Inter la vukovaranoj estas neniu kiu povus fieri ke li atingis novan postenon aŭ loĝejon, nur ĉar li estas el Vukovar. Ĉiu devis havi iujn proprajn kvalitojn, ĉar ili devis pruvi sin antaŭ homoj kiuj eĉ ne kapablis lokalizi Vukovar sur la mapo. La vukovaranoj havas malmultan povon kaj ĝin ili uzas en specifa maniero, tiel ke ne estas aparta beno esti vukovarano en malfacilaj situacioj.




Pavao Pavličić naskiĝis en 1946 en Vukovar, estas profesoro pri literaturscienco ĉe la Universitato de Zagreb kaj unu el la plej produktivaj modernaj kroataj verkistoj, kiu (ekde 1972, kiam aperis lia unua rakontkolekto Navo el akvo) publikigas preskaŭ ĉiujare almenaŭ unu libron (lastatempe aperadas eĉ po du aŭ tri jare!). Li ankaŭ estas unu el la plej legataj nuntempaj verkistoj en Kroatio. Li verkas ĉefe romanojn, sed ankaŭ rakontojn, eseojn, filmscenarojn. Kelkaj el liaj romanoj estas filmigitaj. Ĝis nun aperis ĉ. tridek liaj libroj. Lastatempe li verkas pli multe pri sia naskiĝurbo Vukovar, kiun trafis tragedia sorto en tiu ĉi milito.

Vukovar iam estis ĉarma kaj trankvila apuddanuba, baroka, tipe mezeŭropa urbeto ĉe la orienta limo de Kroatio. En novembro 1991, post trimonata sieĝado kaj heroa defendo de mampleno da urbanoj, ĝi estis ĝisfunde detruita de la jugoslavia armeo, helpata de diversaj serbaj naciismaj milicoj. La neserbaj loĝantoj estis grandskale masakritaj kaj deportitaj, aŭ devis forlasi sian urbon. Tiel la urbo fariĝis simbolo de la milita tragedio en Kroatio, sed ankaŭ simbolo de bestiala detrupovo de la naciisma monstro, bazita sur la absurda kaj malsana ideo krei etne puran ŝtaton, sur la teritorio de najbaraj landoj.

La sorto de Vukovar estas simbola ankaŭ ĉar ĝi estis eble la plej senkulpa viktimo de la milito: la loĝantaro en ĝi estis miksa (kroatoj, serboj, slovakoj, rutenoj, ukrainianoj, hungaroj, ĉehoj kaj pluraj aliaj) kaj la ĝenerala etoso en la urbo estis emfaze malferma kaj tolerema. La kanonoj kaj tankoj fakte ne celis detrui la urbon mem, ties konstruaĵojn, kiom la animojn; ili volis murdi la ideon mem de la harmonia etna kunvivo, kiun Vukovar modele ekzemplis.

La malferma naturo de la urbo reflektiĝis ankaŭ en la loka dialekto, kiun Pavličić metafore nomas La Danuba Esperanto, volante per tio emfazi tiun profunde ekumenan sintenon, kiu iam regis en Vukovar. Tiel li sukcesis verki kelkajn el la plej belaj kaj flataj paĝoj pri Esperanto, ne verkinte pri Esperanto mem, sed pri la spirito kiu animas ĝin kaj kiu prezentas ke ĉiuj homoj kun vastaj spiritaj horizontoj rajtas sin senti vukovaranoj, kaj li asertas ke tia mondokoncepto fontas el la naturo de la lingvaĵo kiun oni parolas. Tiel li identigas la esperantistojn kun la morala avangardo de la homaro. Ne ankaŭ inverse validas: ĉiuj esperantistoj ja estas iasence vukovaranoj.

*N.R.*

Sed tio ankaŭ havas certajn avantaĝojn. Unu el tiuj avantaĝoj estas ke la Vukovaranoj estas bone kamuflitaj (ili, ruzuloj, kaŝas sin malantaŭ la norma lingvo kaj komunaj valoroj), kaj tial ili en ĉiu momento povas ie resurekti, kiel ili jen resurektis en tiuj ĉi malfacilaj tempoj; kaj tiukaze ĉiam je la komuna bono. Alia avantaĝo estas en la pruvita fakto, ke ĉiu kiu venas al Vukovar, facile ligiĝas al ĝi: ne nur enamiĝas al ties pejzaĝoj sed ankaŭ akceptas ilian mondokoncepton kaj eĉ ilian parolmanieron. La tria kaj la plej grava avantaĝo kuŝas en tio, ke ĉiu homo kiu parolas normlingve kaj havas certagradan vastanimecon efektive estas vukovarano: verdire, ĝuste hodiaŭ oni povas aŭdi ke pluraj personoj, naskitaj kaj kreskintaj en tute aliaj distriktoj, asertas ke ili sentas sin vukovaranoj. Kaj nenion pli bonan ol tio Vukovar povas aspiri: kiel premion, por sia daŭra klopodado identiĝi kun la tuta lando, ĝi jen atingis ke la tuta lando deziras esti Vukovar.

Eble ĉio ĉi aspektas al vi malverŝajna kaj troigita. Sed tio estas nur pro tio ke mi devis tion skribi por vi. Se vi povus aŭdi kiel mi parolas, vi tuj ekkredus ĉion, ĝis la plej lasta vorto.

*Pavao Pavličić*
*tradukis Nikola Rašić*

1 La (nov)štokavaj dialektoj, sur kiuj baziĝas la normlingvoj de kroatoj kaj serboj, havas tri regionajn prononcojn de praslava vokalo "jat": ikavan, (i)jekavan kaj ekavan. La kroata normlingvo estas bazita sur la ijekava prononco, dum la ikava apartenas al dialektoj vaste parolataj de kroatoj en Vojvodino (provinco en Serbio) kaj Hungario. Ne ekzistas ikave parolantaj serboj, kaj ĉe kroatoj la ekava prononco aperas nur ĉe iuj malgrandaj grupoj en nordorienta Kroatio. La serba literatura lingvo en Serbio estas bazita sur la ekava prononco, sed ekzistas ankaŭ ijekava varianto de la serba normlingvo uzata de praktike ĉiuj serboj ekster Serbio.

Ekzemplo: ekave mleko, lepo (lakto, bela); ikave mliko, lipo; ijekave mlijeko, lijepo. Vukovar situas ĉe la kontaktpunkto de ĉiuj tri prononcoj kaj de la du normlingvoj.

2 Ekave estus grejati, sejati (varmigi, semi).

3 Šokcoj (kroate sg. šokac), etna subgrupo de kroatoj loĝantaj ĉefe en Slavonio (nordorienta Kroatio), Vojvodino kaj Hungario. (parte ankaŭ en Bosnio, Aŭstrio kaj Rumanio). Ili parolas tre tipan štokavan dialekton, ĉefe ikavan, sed ekzistas ankaŭ ekavaj kaj ijekavaj grupoj de šokcoj. Ili formas la plej grandan parton la aŭtoktona kroata loĝantaro en la ĉirkaŭaĵo de Vukovar. En ilia dialekto aperas pluraj turkaj, germanaj, hungaraj kaj serbaj vortoj.

4 Normlingve opeka, parollingve cigla (briko).

5 Srijem, teritorio inter la riveroj Danubo kaj Sava; regiono kiu etendiĝas oriente de rivero Bosut en Kroatio, ĝis Zemun (apud Beograd) en Serbio. Historie, la regiono apartenis al Reĝlando Kroatio, kun Vukovar kiel ĉefurbo. Post 1945 nur la okcidenta parto, kie situas ankaŭ Vukovar, restis en Kroatio dum la orienta parto apartenis al Serbio. Čokot (vittrunko); normlingve trs.

6 Serbe (kaj kroate dialekte) opština.

7 Bačka, regiono en serbia provinco Vojvodino, kiu etendiĝas trans la Danubo, kiu formas la orientan limon de Vukovar.

# ĈU VI KONAS KROATION?

*En la kroata lingvo nia lando nomiĝas "Hrvatska", ĝia poŝta kodo sekve estas HR!*

**Jen la bazaj informoj pri Kroatio:**

Surfaco: 56 538 km²

La surfaco de la apartenanta maro: 33 200 km²

Longeco de la marbordo, inkluzive insulojn: 5740 km

Loĝantaro: 4 784 265 enloĝantoj, laŭ la lasta censo en marto 1991.

Tiutempe la loĝantaro konsistis el 78,1% da kroatoj, 12,2% da serboj, 2,2% da jugoslavianoj, 0,9% da muzulmanoj, 0,5 % da slovenoj, 0,5% da hungaroj

Denseco da loĝantoj: 84,6 loĝantoj po km²

Ĉefurbo: Zagreb

Valuto: kunao ( 1 kunao / 100 lipoj)

Ĉefaj religioj: romkatolika, ortodoksa, islama

Lingvo: kroata, la latina skribo

Kroation ĉefe karakterizas la apudmara situo kaj la orientiĝo al Adriatiko.

Kroatio estas konata kiel "la lando de mil insuloj" - oni nombris 1775 insulojn kaj insuletojn. La travideblo de Adriatiko atingas ĝis 56 metroj. Plej multe da sunaj tagoj havas la insulo Hvar kun 2 718 sunaj horoj jare kaj la monde konata Dubrovnik kun 2584 sunaj horoj jare.

Al la beleco de la apudadriatika regiono kontribuas 4 naciaj parkoj - la Insularo Kornati, La insularo de Brijuni, Insulo Mljet kaj la Kaskadoj de la rivero Krka.

Ni ne forgesu la mezepokan urbon-monumenton Dubrovnik kaj la palacon de la romia imperiestro Diokleciano en Split. La valoron kaj la fascinon de tiuj urboj agnoskis ankaŭ UNESCO, kiu enlistigis ilin en la liston de la Monda Heredaĵo. En la sama listo troviĝas ankaŭ la Lagoj de Plitvice, plia Nacia Parko de Kroatio. En la negranda Kroatio troviĝas sep naciaj naturparkoj, el kiuj Risnjak kaj Paklenica estas -montaraj parkoj.

Ni esperas povi prezenti pli en iu el la venontaj numeroj de "Tempo".

*Mila Bečka*

## Infanoj el la familio Jagnjić-Tišljar en Slovakio

La zagrebaj denaskaj Esperanto-parolantoj Tina kaj Bojan Tišljar en augusto tradicie partoprenos la ĉijaran REF - Renkontiĝon de Esperanto-Familioj, kune kun siaj geaptroj Ankica Jagnjić kaj Kruno Tišljar. REF estas unu el tiuj aranĝoj kiuj speciale zorgas pri la problemoj de la Esperanto-familioj.

Kroatio planas gastigi REF en 1997. Bonvenon al Esperantaj familioj!

Michel Imbert, Maja kaj Danka Tišljar estas la denaskaj parolantoj de la zagreba Esperanto-komunumo, edukataj en kaj pri Esperanto de generacio al generacio...

## Spomenka Štimec gastprelegis en Svedio, instruos en Usono

Spomenka Štimec gastprelegis en Svedio okaze de la seminario de Sveda Esperanto-Instituto de la 21-22a de marto en Karlskoga pri la temo "La bela lingvo". Kvindeko da partoprenintoj ĉeestis la printempan seminarion.

La temon pri la Esperanta kulturo ŝi traktis post Karlskoga ankaŭ en la Esperanto-Klubo en Gotenburgo.

Ŝi estas invitita instrui en julio Esperanton dum la somera kurso en la Universitato de Hartford kaj en augusto gasti en Kopenhago kadre de la programo de Kultura Esperanto-Festivalo - KEF.

## Eksterlanda esperantisto aktivas en Kroatio - Klaus Dahmann (Bonn/Germanio)



Ekde 1993 konstante pendolas inter Bonn kaj Zagrebo la slavistiko-studento Klaus Dahmann. Li gvidis plurajn diversnivelajn Esperanto-kursojn, aktoris en la Drama grupo de SEK, dun Slavica Babinka organizis la pasintjaran Aktivulan Trejn-Seminarion de TEJO kaj KEJA en Hraščina-Trgovišće kaj ĉi-momente teknike redaktas la Antologion de Kroataj Unuaktaĵoj. „Private“ li ĵus eniris la finan fazon de siaj studoj kaj estas verkanta sian magistran tezon.

## TRIXINI- HELPO POR LA INVALIDAJ INFANOJ

La germana magiisto Trixini ĝojigis multajn infanojn en la mondo per siaj magiaĵoj. En Zagreb li aktivas ankaŭ kiam li ne ĉeestas: li havigis rimedojn por helpi al la invalidaj infanoj. (La rimedoj estis interalie havigitaj per eldono de la germana traduko de "Kroata milita noktlibro" ĉe la eldonisto Ferdinand Schoening en Paderborn, kiu same kiel la aŭtoro Spomenka Štimec rezignis pri la honorarioj por ebligi la helpon al la infanoj.) Tiel la verko origine eldonita en Esperanto en Vieno helpas ĉe realigo de pluraj homamaj aktivecoj, kiujn realigas esperantistoj en Zagreb.

Okaze de Pasko, kostumitaj Paskaj leporoj de la Esperanto-Societo "Bude Borjan" promenis kaj distribuis la paskajn ovojn en la bazarejo: por la invalidaj infanoj de la Unuiĝo de la gepatroj de infanoj kun handikapoj PU estis organizita magiista prezentaĵo de la juna magiisto Josip Alajbeg.

La aranĝo daŭris du tagojn, la 2-an de aprilo leporoj gastis en Biblioteko Savski Gaj kaj la 8-an de aprilo la infanoj kune manĝis en kabano sur la deklivo de la Zagreba monto Sljeme.

La televido en ambaŭ tagoj raportis pri la programo de esperantistoj kaj ĵurnaloj publikigis artikolojn kun la fotoj.

La aranĝon finance helpis la Banko Groškasa.

*J.R.H.*

## STARI GRAD NA HVARU

La malnova Adriatika urbo Faros (nuntempe Stari Grad) sur la insulo Hvar ekspoziciis en Zagreb en Muzejski prostor la kolekton de antikvaj objektoj el la greka epoko. Pro granda interesiĝo de la publiko la kolekto de la estonta muzeo de la antikva urbo restis en Zagreb dum kelkaj monatoj. Esperanto estis unu el la tri lingvoj de la informilo, kiu tekstas "2380 jarojn ekde la fondiĝo de la urbo - 384 antaŭ Kristo -1996 post Kristo.

## INFORMO AL LA MEMBROJ DE KROATIA ESPERANTO-LIGO

Lastatempe kelkaj leteroj celantaj Kroatian Esperanto-Ligon ne venis al la ĝusta adreso.

Ni memorigas niajn membrojn, ke KEL daŭre havas sian sidejon en Amruševa 5, kiel dum la antaŭaj 50 jaroj.

La Prezidantaro de Kroatia Esperanto-Ligo informas siajn membrojn, ke dum la jaroj de la milito aperis en Kroatio nova Esperanto-Asocio, kiu pretendas esti tutlanda Asocio.

Kelkaj membroj de KEL profitis la militempan stagnon de la Asocio, apartiĝis de KEL kaj fondis sian apartan asocion sub la nomo de Kroata Esperantista Unuiĝo -KEU. La prezidanto de la KEU estas Radenko Milošević, sekretario Marija Belošević.

KEL estas Landa Asocio de Universala Esperanto-Asocio kaj KEJA estas Landa Asocio de TEJO. La prezidanto de KEL estas akademiano Dalibor Brozović, vicprezidanto Judita Rey-Hudeček, sekretario Spomenka Štimec, membroj Mea Bombardelli, Vida Jerman, Vjekoslav Morankić, Ljerka Stilinović, Dalibor Šeatović.

Niaj iniciatoj pri kunlaboro kun KEU ĝis nun bedaŭrinde estis rifuzitaj.

## SISAK

Honore de la UNESCO-Tago de la libro kaj aŭtoraj rajtoj la Biblioteko Sisak okazigis en la Urba Muzeo de Sisak ekspozicion de ĉinaj libroj en Esperanto. La ekspozicio kun la ĉina kaj kroata recitado estis organizita kunlabore kun la Ambasadejo de Ĉinio en Kroatio, por omaĝi interalie al la verŝajne unua kontakto inter la kroata kaj la ĉina literaturoj per la traduko de "Ano de l ringludo" de Dinko Šimunović. La Esperantan tradukon de Fran Janjić publikigis en Leipzig en 1926 "Ferdinand Hirt kaj Sohn". Tiu libro kelkajn jarojn poste havis ĉinan eldonon. Bedaŭrinde ni ne posedas la ĉinan verkon. Marinko Gjivoje transdonis siatempe la kopion de la ĉina titolpaĝo de la verko al la Nacia kaj Universitata Biblioteko en Zagreb.

La ekspozicion de okdeko da verkoj kiuj atestas kontaktojn de Pekino kun la mondo per Esperanto malfermis la ĉina ambasadoro en Kroatio L. E. Xie Xiequin.

## SUNJA

Instruistino en Elementa lernejo en Sunja Lidija Radulović ekinstruis Esperanton al siaj lernantoj . Gravas akcenti, ke Sunja troviĝas en la regiono, kiu ege suferis en la milito. La lernejo estis trafita per dudeko da grenadoj kaj daŭre ĝia tegmento likas. En tiaj malfacilaj kondiĉoj la lernejo akceptis multajn gelernantojn- rifuĝintojn el Bosnio. Delegacio de KEL vizitos Sunja en majo por helpi kuraĝigi la instruiston kaj gelernantojn. Ĉia subteno bonvenas.

(Lidija Radulović, Osnovna škola, HR 44210 Sunja)

## PULA



La konata esperantisto-poligloto el Pula d-ro Ivo Borovečki fondis specifan lingvotekon »Babelo« kadre de sia riĉa Esperanto-biblioteko: li kolektis originalajn vivantajn tekstojn en 55 lingvoj kaj konservas ilin per kasedoj. Liaj fontoj por la surbendigado de la lingvoj estis radioelsendoj.

Pri sia okupiĝo pri lingvoj, li elstare prelegis en Zagreb la 17-an de aprilo por kvindeko da siaj kolegoj-kuracistoj kadre de la programo de Sekcio de radiologoj en la Kroata medicinista hejmo.Esperanto stimulis lin por ekinteresiĝi pri la lingvoj kaj la restado en Etiopio en kvidenkaj jaroj cementis lian lingvemon. Li estas unu el raraj kroataj esperantistoj, kiu uzas ankaŭ la ĉinan lingvon por siaj internaciaj kontaktoj.

D-ro Borovečki aktuale tradukas dramon de Fran Galović por kontribui al la nove preparata »Antologio de la kroataj unuakatajoj«.

**Dankon al Martin Weichert el Svedio, kiu disponigis al ni sian bildstrion.**



# ESPERANTO ĈE LA KROATA TELEVIDO

*Dum la unuaj kvar monatoj de la jaro 1996 Esperanto plurfoje gastis ĉe la kroata televido, ĉu kiel ĉeftemo de la elsendo ĉu nur menciata kiel nomo de la asocio, kiu organizis iun programon interesan por la televidaj spektantoj.*
*Al kiuj tavoloj de la Esperanta aktiveco televido dediĉis atenton?*

Dum januaro HRT, Studio Varaždin realigis du programojn lige al apero de la nova libro de Spomenka Štimec en Esperanto "Tena - Hejmo en Mezeŭropo."Ambaŭ programoj estis filmitaj en la regiono, en domoj kaj pejzaĝoj kie rolas la roluloj de ŝia familia kroniko pri Mezeŭropo.

Novaj kursoj de Studenta Esperanto-Klubo estis la instigo por ke TV teamo de la Junulara Televido vizitu la klubejon la 18-an de januaro en Amruševa 5. La kursoj al kiuj aliĝis trideko da gejunuloj per si mem ne estus tiom alloga por la TV-medio, se ne temus pri vere specifa laboro de la zagreba junularo: TV interesiĝis pri la etoso de la klublaboro, kiu venontjare festos 40 jarojn de siaj kontinuaj studentaj aktivecoj! Jubileo iom malofta en la studenta medio! Korajn gratulojn al SEK! La unua prezidanto de SEK estis Vjekoslav Morankić.

Starto de la nova volumo de Asteriks-serio denove allogis TV ĵurnalistojn. Ĉi-foje ili ne plu filmis la eldoniston kaj tradukinton sed preferis organizi studian programon la 13an de marto en kiu Asteriks en Esperanto estis la iniciato de la interparoloj kun studentinoj Maja Tišljar kaj Ana Berc pri junularaj aktivecoj ligitaj al Esperanto. La kerno de la programo estis dediĉita al MIRO - Mediteranea Internacia Renkontiĝo, kiun gastigis KEJA.

Kelkaj telefonaj alvokoj al la Esperanto-adreso montris kiom al la publiko plaĉis la memfida aliro al Esperanto en la junula vidpunkto.

Ekspozicio de ĉinaj papereltranĉaĵoj okaze de ĉina Novjaro, la 14-an de februaro, organizita de Esperanto-Societo "Bude Borjan" por vigligo de la kultura vivo en la milite detruita urbo Petrinja, estis la kialo por inviti organizanton Spomenka Štimec al la studio kaj paroli kun ŝi pri rilatoj de Esperanto kun l a ĉina kulturo. ( la 19-an de februaro).

Aktorino Vida Jerman gastis ĉe TV la 10-an de marto kaj rakontis pri sià teatra kariero... en kiu ankaŭ Esperanto havas gravan rolon.

Tutan aron da TV-elsendoj provokis la programo kiun lanĉis la homama sekcio de "Bude Borjan". En kontaktoj kun Kroata komisiono de UNESCO eblis ekscii, ke UNESCO deklaris la jaron 1996 la jaron de la permanenta edukado. La aranĝo de "Bude Borjan" pri la Mondo de geavoj kaj gelernantoj inspiris pliajn sep TV- programojn.

Kadre de la Paskaj programoj: la societo "Bude Borjan" realigis pluajn du elsendojn lige al la programoj de la paskaj leporoj por la handikapitaj infanoj.

*Judita Rey-Hudeček*

## PETRINJA


La dometo de Marija Horžinek, kiun ni helpas ripari.

Marija Horžinek, konata esperantistino el Petrinja esperas povi baldaŭ ekuzi sian gepatran dometon en la strato Arhova kaj refariĝi loĝanto de Petrinja.

Pluraj esperantistoj de la mondo mone kontribuis por riparo de ŝia domo. Nedeljko Korasić veturigis al Petrinja necesajn objektojn por restarigo de la detruita akvosistemo en ŝia domo samkiel fornon kaj lavmaŝinon, kiujn disponigis niaj membroj. Riparisto aktuale laboras por fluigi varman akvon en la tradicia domo, kie Esperanto estis flegata dum multaj jardekoj - Marija estis instruistino en Elementa lernejo en Petrinja. Ŝian laboron heredis ŝia lernantino pri Esperanto Vesna Gračanin. Vesna nun postenas kiel lerneja pedagogo. Ŝi multe engaĝiĝis por realigi la unuan kulturan gastadon per Esperanto - la ĉinan ekspozicion en februaro.

## VARAŽDIN

La riĉa Esperanto-Biblioteko de Božidar Vančik, konata kroata esperantisto, alvenis al Zagreb. Hrvoje Vančik donacis la bibliotekon al Esperanto-Societo "Bude Borjan". Božidar Vančik ( 1909-1970) estis aŭtoro de fama lernolibro pri Esperanto, tradukinto de "Kavo" de Ivan Goran Kovačić kaj "La dianto desur la poeta tombo". Krom Josip Velebit, li estas la sola kroata aŭtoro, kiu estas reprezentita en "Antologio de la Esperanta poezio" per la poemo "Al abortita filo".

## ZAGREB

La kroata-norvega societo en Kroatio portas la nomon de la prestiĝa esperantisto Željko Takač, kiu dum multaj jaroj ĝis sia morto en 1982 estis honora norvega konsulo en Zagreb. Lia intereso pri la norvega kulturo komenciĝis per Esperanto en la kvindekaj jaroj, kiam li instruis Esperanton al norvegoj.

La 23-an de marto per kultura programo membroj de la kroat-norvega societo kaj la-societo "Bude Borjan" kune omaĝis al Željko Takač per programo prezentita de Vida Jerman kaj Judita Rey-Hudeček.

Željko Takač estas reprezentita per sia novelo "Mensog' nia ĉiutaga" en "33 rakontoj" kaj la antologio "Trezoro - La Esperanta Novelarto".


Feliĉan someron! ni deziras al vi per la foto de fama zagreba fotisto Tošo Dabac, afable disponigita de Studio Dabac

# LIBROJ

Ni prezentas al vi tri librojn de la aŭtoroj el Kroatio publikigitaj lastatempe ĉe tri eksterlandaj Esperanto - eldonejoj pri tri tute apartaj kampoj







Nikola Rašić publikigis sociologiajn esplorojn pri la Esperanta komunumo ĉe Edistudi en Italio, Spomenka Štimec eldonis ĉe Pro Esperanto en Vieno originalan Esperanto-prozon pri familia kroniko en Mezeŭropo.

Pero Ĉimbur

**Mi resanigis PPPetron**

MZ-Verlag

Lucija Borčić tradukis verkon pri problemoj de balbutado de zagreba ĵurnalisto Pero Čimbur kaj eldonis ĝin MZ, la eldonejo de Harald Schicke en Germanio.